FONDITA en 1908, TRIA SERIO
34 a JARO - N° 239 Aŭg.-Sept. 1966

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris X<sup></sup> — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

Une scène de

**KATAKI ENNEMI**

du dramaturge américain Wincelberg

interprétée par le

Théâtre Populaire de Lodz (Pologne)

dans le cadre du

FESTIVAL D'ART DRAMATIQUE

au

**Congrès Universel de Budapest**

——

Cette pièce a été créée lors du Congrès Universel de Tokyo, en 1965



# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E.(Unuiĝo Franca por Esperanto)**

**34, Rue de Chabrol, Paris Xe - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. André RIBOT,** 11, rue P.-Vergne, 47 - MARMANDE. — Tél. 730.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**I. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses statuts, l'U.F.E. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.F.E. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** .... | **50 F.** | Ces membres reçoivent la revue « FRANCA ESPERANTISTO » et le « Bulletin d'Information » |
| « **DONATEUR** ...... | **30 F.** | |
| « **TITULAIRE** ...... | **20 F.** | |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **8 F.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ...... | **5 F.** | Ces membres ne reçoivent que les bulletins d'informations en français |
| « **ÉTUDIANT et JEUNE** .......... | **2 F.** | |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.F.E. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 20 F.**
**Etranger : 25 F.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

| | |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (M) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. ... | **14 F.** |
| Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans ............... | **7 F.** |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO** ............ | **21 F.** |
| **MEMBRO ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » .... | **28 F.** |
| Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans ............. | **21 F.** |
| **MEMBRO SUBTENANTO** .. | **42 F.** |

(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.
(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.

## Améliorons notre Bulletin national

Le Congrès d'Agen m'ayant accordé sa confiance pour prendre en mains la rédaction de FRANCA ESPERANTISTO, je voudrais donner à tous nos amis quelques consignes que je crois utiles ; tout d'abord, notons qu'en dehors du Congrès National et de très rares occasions qui nous permettent de nous retrouver, ce bulletin est l'unique agent qui, à intervalles que nous voudrions plus réguliers, assure la liaison entre nous tous. Il constitue donc un élément de première importance dans la vie de notre Association.

Désormais, les numéros imprimés paraîtront le 15 septembre, le 15 décembre, le 15 mars et le 15 juin ; articles et communiqués devront parvenir à la rédaction au plus tard le 20 du mois précédent. Les numéros en ofset paraîtront le 30 octobre, le 31 janvier, le 30 avril et le 30 juillet. Articles et communiqués devront parvenir à la rédaction le 20 du mois précédent. Tous les textes seront insérés dans la langue où la rédaction les aura reçus. Tout ce qui peut présenter un intérêt pour des non-espérantistes doit être présenté en français.

Les Associations spécialisées, Fédérations et Groupes doivent envoyer à la rédaction un communiqué dactylographié, où ne figurera que l'essentiel et non pas leur bulletin, dont il ne nous est pas possible de faire un résumé.

Enfin, nous voudrions créer des rubriques nouvelles. Pour cela, nous cherchons des collaborateurs disposant de quelques heures par mois ; écrire à la rédaction. Merci. — Il est indispensable d'améliorer constamment *Franca Esperantisto* et d'envisager le retour aux 11 numéros imprimés annuels. Or, une seule voie pour atteindre ce résultat : offrir un bulletin intéressant et utile et augmenter ainsi le nombre des abonnés.

Jusqu'ici une seule suggestion nous est parvenue : M. Lobut propose d'imprimer les bulletins en ofset avec une machine aux caractères plus petits pour insérer plus de texte. Nous le remercions et ne manquerons pas d'étudier la question. La boîte aux idées reste ouverte. A. RIBOT.

# Henri MICARD

## *Fondinto kaj Direktoro de la Kulturdomo Komitatano de U. F. E.*



Tiuj el vi, kiuj praktikas Esperanton almenaŭ de 15 jaroj, certe memoras pri tiu cirkulero de 1951, per kiu nia Amiko Henri Micard, anoncis sian intencon krei en Francujo, Esperantistan Kulturdomon. Je tiu momento, granda ĝojo ekbrilis en niaj koroj, ĉar ie, baldaŭ vere ekzistos Esperantujo, kie ni povos frate kunveni, lerni, instrui kaj disvastigi nian lingvon.

Dank'al Henri Micard kaj al lia ne malpli sindonema Edzino, nun Grezijono ekzistas, progresas kaj plene kontentigas la esperojn de ĝiaj fondintoj kaj prizorgantoj. Ĝia historio jam 14-jara konsistas, kiel ĉio homa, el ĝojoj kaj malĝojoj. Hodiaŭ, ni volas elvoki tre malĝojan paĝon de tiu historio, ĉar nia Amiko Henri Micard forlasis nin por ĉiam.

La sabaton 28an de Majo, kiam en Agen, komenciĝis la Nacia Kongreso de Esperanto, en iu vilaĝeto de Mayenne, Epineux-le-Seguin, oni enterigis lin, en ĉeesto de granda homamaso da amikoj : esperantistoj, instruistoj, membroj de la diversaj asocioj, al kiu li alportis sian sindonon kaj valoran kunlaboradon, fine, pluraj generacioj de liaj ekslernantoj de Epineux-le-Seguin.

Priskribi en unu paĝo vivon tiel plenan kaj fruktodonan kiel estas tiu de Henri Micard estas neeble ; dum sia tuta vivo, li senĉese montris sian nepran bezonon labori senlace por ĉiuj utilaj kaj noblaj kaŭzoj. Sincere konvinkita internaciisto, li tre juna lernis Esperanton kaj tuj sin levis ĝis la gvidpostenoj de la asocioj, kies membro li estis. Sed la kronado de lia esperantista kariero estas sendube nia Kulturdomo Grezijono, kie, kun sia Edzino, li elektis lukti por la plej granda bono de nia afero ; ek de la komenco, ne mankis ĉiaj malfacilaĵoj : klopodoj por trovi la necesan sumon por aĉeti la kastelon, elementaj riparoj kaj organizado, kavado de la naĝejo, instalado de la kuranta akvo en la dormoĉambroj kaj mil zorgoj okupis Ges-ojn Micard,, neniam cedemaj, sed male ĉiam pretaj batali por idealo, anstataŭ tute trankvile vivi en Epineux-le-Seguin !

Dum la sinsekvo de la jaroj, Henri Micard, dank'al siaj naturaj kaj ŝatindaj ecoj, sentis la veran ĝojon de la homoj, kiuj, dediĉinte ĉiujn siajn fortojn al la atingado de firma celo, iom post iom vidas la finan rekompencon : dank'al li, Grezijono v i v a s kaj prosperas !

De pluraj jaroj, bedaŭrinde montriĝis neparдonema malsano ! Kun admirinda firmeco, Henri Micard daŭrigis la luktadon kaj komencis antaŭvidi la momenton, kiam li ne plu povos prizorgi la Kulturdomon ; ĉar neeblis dungi konstantajn anstataŭantojn, li preparis la ekfunkciigon de la diversaj laborgrupoj, kiuj nun sekurigas la estontecon kaj la kontentigan antaŭeniradon de la Kulturdomo.

Sekve de lia prava kaj genia organizado, la speciala etoso Grezijona pluvivos kaj nia kara Kulturdomo daŭrigos sian marŝadon antaŭen kvankam ĝia piloto ne plu vivas inter ni. Sed, tra la malvarmaj ŝtonblokoj de lia tombo, li daŭre ripetas al ni ĉiuj siajn fruktoportajn instigojn al Unuiĝo, Konkordo kaj Paco !

Plori ĵus mortintan Amikon estas bone ; respekti la vojon, kiun li elektis, konservi la de li fositan sulkon kaj pluvivigi lian laborfrukton estas pli bone. Precipe de la samideanoj, kiuj konis kaj amis Micard estas la rolo formi grandan familian rondon ĉirkaŭ Grezijono, kie lia memoro vivos longe, same kiel la neanstataŭebla etoso, kiun li sukcesis krei.

Nome de U.F.E., kies fidela kaj kompetenta Komitatano estis Micard, nome de ĉiuj Samideanoj, ni volas prezenti nian sinceran kaj amikan kondolencon al Sinjorino Micard kaj ŝiaj Familianoj, precipe al Janette kaj Jean-Paul Guillot, kiujn ni ofte renkontas en Grezijono. Ili estu certaj, ke ilia funebro estas ankaŭ la nia. Grava paĝo de la Grezijona Historio ĵus turniĝis ; dua periodo komenciĝas : nia Kulturdomo daŭrigas sian vojon antaŭen.

A. R

# MEMORE PRI AGEN

O ma lengo, tout me zou dit :
Plantarey uno stelo
A toun frount encrumit.

Jasmin

(O mia lingvo, ĉio ĝin diras al mi :
Mi alkroĉos stelon
Al via nebuligita frunto).

*Tuj, je la alveno en Agen, la ĉielo mirigas Vin pro sia pureco. Ĝi tute similas al la memorinda florenca ĉielo. Oni preskaŭ serĉas vane la ĉirkaŭantajn montetojn ornamitajn de cipresoj. Se oni pensas al Dante Alighieri ĉe angulo de Malnova Ponto trans rivero Arno, oni ne povas forgesi la promenadojn faritajn de Jasmin (= Jasmen) sur la bordoj de Garonne, pasintan jarcenton.*

*La plezuro duobliĝas, kiam oni alvenas matene en la urbon, antaŭ la malfermo de la kongreso por vagi tra la kuriozaj stratoj. Se la lumo okulfrapas Vin, la urbo allogos Vin. Preskaŭ en ĉiu strato, Vi trovos ĉu malnovan pordon, ĉu mezepokan domon, ĉu, de la pasintaj jarcentoj, belan burĝodomon. Malgraŭ tiuj multaj historiaj detaloj, la urbo aspektas moderna kaj aerumita, kun larĝaj avenuoj kaj bela esplanado Gravier kies ĝardeno allogas.*

*Vi havas la tempon viziti la katedralon Saint Caprais. Ĝi rememorigas al Vi la unuajn konstruantojn de preĝejoj, tiuj de la dekunua jarcento. Ekstere, la muzeo estas eleganta konstruaĵo. Interne, ĝi permesas admiri emajlitajn fajencojn de Bernard Palissy, pentraĵojn de Goya, Utrillo, Sisley. Apude, en la urba teatro, Sinjorino Ribot atendas la unuajn alvenantojn. Ĉiam afabla kaj ridetema, ŝi akceptas malantaŭ longa tablo surŝarĝita de libroj. Ŝi disdonas la tradiciajn dokumentojn. Samtempe, senlace, Sinjoro Ribot iras dekstren, maldekstren, por pretigi la lastajn detalojn de tiu 58a nacia kongreso.*

*Bedaŭrinde, funebro atendas nin : ni tuj ekscias la forpason de nia karmemora amiko Micard, kies entombigo okazis la antaŭan tagon.*

*Memore al li, la unua arta vespero ne okazas. Sinjoro Ribot anstataŭas ĝin per longa prezentado de Esperanto. Sed la publiko de la regiono mem estas rara kaj sinjoro Ribot propagandas antaŭ jam konvinkita publiko.*

*Li klare kaj interese pentras la karakteron de Esperanto, kiu donas la eblecon esprimi la plej subtilajn nuancojn de la penso kaj de la sento, tiel facile, kiel la teknikajn kaj sciencajn eltrovojn, kiuj detruas la limojn faritajn de la lingva nekompreneco. Li montras kiel Esperanto alproksimigas Azianon al Eŭropano, Slavon aŭ Hispanon al Japano aŭ al Nord-Amerikano.*

*Sinjoro Ribot scias krei la atmosferon de la internaciaj kongresoj, rendevuoj de homoj vere diferentaj tiom pro iliaj devenoj, kiom pro iliaj edukadoj kaj religioj. Li simple prezentas tiujn kongresojn, kie oni diskutas nur en Esperanto pri la plej diversaj internaciaj problemoj.*

*Agrable finiĝas la vespero dank'al vojaĝo en alian parton de la mondo : Japanujo, prezentita de Annie Triolle. Ŝi certe ne rakontas la intensan etoson de la 50a internacia kongreso de Esperanto, en Tokio, sed, ŝi detale, flue kaj vigle rakontas sian vojaĝon tra Rusujo, en transsibera trajno. Ni facile imagas la densan trafikon, la modernan okcidentan vivon penetritan de antikvaj orientaj kutimoj de tiu urbo fariĝonta eble la unua sur la terglobo.*

*Dimanĉe matene, nia Prezidanto kaj amiko, Sinjoro Llech-Walter malfermas la kongreson. Malmulte da gejunuloj, en la vicoj de la gekongresanoj, ni rimarkas, kaj eĉ malmulte da personoj ĉeestas se oni konsideras ke ni estas apenaŭ 80. Koncerne la gejunulojn, ni facile komprenas ĉar estas malbona momento por ili, pro la ekzamenoj, la studlaboro. Probable, la Agena elcentriĝo kaŭzas la maleston de multaj el ni. Tamen, se la nombro ne estas, la diskutoj estas atentosorbaj, la tutan tagon.*

*Ni ne parolos pri tiu longa kunsido, kiu daŭras de la naŭa ĝis tagmeze, de la dek-sesa ĝis preskaŭ la dek-naŭa : ni trovos en apuda paĝo la protokolon. Sed ni devas reliefigi tri gravajn punktojn.*

*Doktoro Albault prezentas agrablan festoparoladon, ĉiam elokventa, klara, interesa, ĉiam longe aplaŭdita de la publiko. La ĉefa punkto el tiu festoparolado estas morala : Doktoro Albault alvokas al la konkordo, al la unuiĝo pere ne nur de la lingvo sed ankaŭ kaj precipe de niaj koroj. Li konkludas pere de la Zamenhofaj vortoj, ĉiam nuntempaj :*

*« Per interna malpaco, ni ruinigos nian aferon, pli rapide ol tion povas fari ĉiuj niaj malamikoj kune ».*

*Alvenas antaŭ la aŭskultantaro Sinjoro Royer, juna ĉefkalkulisto en Parizo. Longe kaj detale, li klarigas la financan situacion de U.F.E. por la periodo 1964a-65a. Lia pacienca laboro ĉesigos, ni esperas, penigon provokitan de longdaŭraj kritikoj. Ni ŝatus finfine konstati ilian malaperon por la bona estonta irado de nia franca movado. Tiu raporto estas alia festoparolado. Kvankam Sinjoro Royer parolas pri ciferoj, bilanco, librotenado, ni konsilas al ĉiuj legi ĝin en la revuo, kiel beletran paĝon !*

*Grava alia okazintaĵo en tiu tago konsistas el la konkludo de la klopodoj inter la du asocioj : U.F.E. kaj G.E.E. Ni ĉiuj deziras, ke tiu unua paŝo al unuiĝo estu sekvata de pluraj aliaj por ke, laŭ la diro de Fraŭlino Dedieu :*

*« En la estonteco, ni ĉiuj kunlaboradu en maniero pli utila al la afero de Esperanto ». Ni pensas ke, nur per tiu konkordo, ni antaŭenpaŝos, ke, anstataŭ tiu mizerinda nombro de 1500 membroj, ni estos la duoblo, la trioblo.*

*Post tiu tago, ni havas la impreson, kiel konkludas la Prezidanto Llech-Walter, ke « grava paŝo estas farita ».*

*Inter la du partoj de la jara kunveno intermiksiĝas du agrablaj momentoj. Je tagmezo, post la raporto de Sinjoro Royer, sinjoro Pomarède, urbestro de Agen, atendas nin por la akcepto en salono de la « Gloruloj » (franclingve : des Illustres), en la urbodomo. La nomo de tiu salono ne estas troigita : belaj pentraĵoj reprezentas plurajn eminentajn mondkonatajn Agenanojn. Atendante la komencon de la ceremonio, ni iras al malnova epoko, mirigitaj ke Agen estu la lulilo de tiom da gravaj personoj.*

*La naturalisto Etienne de Lacépède vivas per la bildo apud Bernard Palissy, teknika verkisto, filozofo, pli konata kiel la kreanto de tiuj mirindaj fajencoj dekorumitaj pere de serpentoj, lacertoj, fiŝoj, kankroj, kiujn ni povas admiri en la urba muzeo.*

*La lasta estas la « poeto-frizisto », Jacques Boé, pli konata sub la pseŭdonimo Jasmin. Frizisto, li verkas en gepatra lingvo, ne la franca, sed la gaskona, kantetojn kaj poeziojn por siaj klientoj. Tiel, iom post iom, li donas veran impulson al la sudfranca ŝatata lingvo. Li konas eĉ la famon, la beletran gloron, ĝis kiam Frederiko Mistral, en alia sudfranca provinco, renaskas la provencan lingvon.*

*Sinjoro Pomarède esprimas la ĝojon de sia urbo, konscia pri la honoro farata al ĝi. Li elvokas sian*

*mallongan renkonton kun Esperanto dun sia junaĝo. Li certigas al la kongresanoj la estimon, kiun li daŭrigos signi al ili, al la movado. Li proponas faciligi la disvolvigon de nia kara lingvo en la regiono.*

*Sinjoro Llech-Walter, unue en Esperanto, poste en franca lingvo, diras por ni la kontentecon kaŭzitan de la varma akcepto ricevita en Agen. « Ni ĉiuj, li konkludas, konservos bonegan memoraĵon de nia restado en Agen ».*

*La akcepto finiĝas, kiel kutime, per abunda fluo de bonegaj regionaj vinoj.*

*Aŭtobusoj transportas nin ĝis la restoracio de la kooperativa agra merkato, kie okazas bankedo. Por la unua fojo, en nia esperantista vivo, la teleretoj ŝarĝitaj de olivoj estas anstataŭitaj de teleretoj plenaj je sekprunoj!*

*Je la dudek-dua, ĉiam en la urba teatro, regalas nin kina vespero. La novbakitaj samideanoj povas konstati la diversajn eblecojn de nia lingvo. La filmo pri la firmo Fiat klarigas la malsimplajn detalojn de la konstruado de aŭtomobiloj. Poezian kaj amindan promenadon tra bela regiono kun multaj historiaj kasteloj, montras la filmo pri departemento Lot et Garonne.*

*Lunde matene, antaŭ la stacidomo, ni rendevuas por la turisma parto de la kongreso. Aŭtobuso kondukos nin al Kastelo Bonaguil kaj al Eyzies-en-Tayac, tra Agenais, Quercy, Perigord.*

*Tre interesa estas la vizito de kastelo Bonaguil, kvankam la tempo ne ĝin permesis kompleta. Bonaguil estas probable la lasta kastelo konstruita kun mezepoka stilo. Ni diras ke oni malfacile komprenas tian stilon se oni pensas ke ĝi estis konstruata inter 1477 kaj 1517, do preskaŭ samtempe kun Chambord aŭ Chenonceaux, en plena renesanca epoko. La kuratoro, afable, akceptas nin kaj gvidas, ne kiel simpla gvidisto, sed kiel gasto, kiu ŝatas la kastelon, kies zorgon li havas kaj kies ĉiujn detalojn li konas. Malgraŭ la franca revolucio, kiu senremparigis kaj senkronigis ĝin, malgraŭ siaj vundoj kaj stumpigoj de la homoj aŭ de la tempo, la kastelo donas veran bildon de la vivo en tiu epoko. Ĉio estis antaŭvidita por permesi al kvincento da homoj elporti sieĝon dum pli ol unu jaro : puto fosita en la roko mem, varmigila sistemo, forfluo de la malpuraj akvoj. En les Eyzies-de-Tayac, tre bona akcepto estas farita en restoracio. Poste ni vizitas du grotojn : Laugerie-Basse kaj Laugerie-Haute, la diversaj tranĉoj de grundo permesas imagi kiel malrapidaj estis la progresoj de niaj praavoj, kiuj seninterrompe vivis tie dum pli ol 200 jarcentoj.*

*Sed la horo devigas nin returni en Agen. Antaŭ ĝia stacidomo la ekskurso finiĝis kie ĝi komenciĝis... kaj la kongresanaro disiĝis.*

*Ni scias kiom malfacile estas organizi kongreson kaj kontentigi ĉiujn. Despli malfacile estas se oni estas sola por tia laboro. Ni do multe dankas la sindonemajn gesinjorojn Ribot pro la bona kaj interesa organizado de la 58a kongreso kaj ilia afabla akcepto.*

*Nun, Agen estas la pasinteco, agrabla memoraĵo en nia esperantista vivo, kaj ni diras al ĉiuj : « Ĝis venonta jaro en Calais ».*

GARRIGUE.

---

# 58ª nacia kongreso de Esperanto

## AGEN la 28an, 29an kaj 30an de Majo 1966

**Jara kunveno de la 29a de majo 1966**

Je la 9a kaj duono akurate, la Prezidanto Llech Walter malfermas la kongreson. Li tuj sciigas ke hieraŭ okazis la entombigo de Sinjoro Micard en Epineux-le-Séguin. En kelkaj kortuŝaj vortoj, li rakontas la vivon kaj la agon de tiu fervora samideano, fondinto de la kultura Esperantista domo en Grésillon. Li anoncas ankoraŭ la forpason de Sinjorino RACINE.

La Prezidanto, post minuta silento, memorige al ili, legas senkulpigojn kaj salutleterojn. El eksterlando salutis la kongreson : Sinjoro Jan Stroënne, je la nomo de la Sveda Federacio kaj la Internacia Muzeo de Vieno. De Francujo, venis la sekvantaj salutoj : Roger Bernard, Roger Blanc, Chagnoux, A. Lienhardt, G. Rougetet, Chagnoux kaj Sinjorino Vincent. Post tiu enkonduko, Sinjoro Llech Walter anoncas la festparoladon de Doktoro Albault al kiu li tuj donas la parolvicon.

**Festparolado de Doktoro Albault** (resumo)

Agen estas riĉa urbo, ne nur riĉa agra vendejo, sed pro la multeco de ĝiaj preĝejoj kaj ĝia katedralo konstruita de la 13a ĝis la 15a jarcentoj. Agen gloriĝas ankaŭ de la naskiĝo de pluraj mondkonataj viroj : la natursciencisto Etienne de Lacépède, Borry de Saint-Vincent kaj Henriko Scaliger, humanistoj. Cezaro Scaliger, itala, unu el la eruditoj de la Renesanco vivis longtempe en Agen. Finfine, en Agen ankaŭ, naskiĝis la okcitanlingva poeto, Jasmin.

Nun ankoraŭ ekzistas scienca, beletra kaj arta societo, fondita dum 1776. Ĝia nuntempa sekretario, Sinjoro Luxembourg, estas la liceestro kaj la unua vicurbestro ; li honorigis nian kongreson partoprenante en ties Honorkomitato.

Poste Doktoro Albault klarigas la sencon de niaj naciaj kongresoj kaj sin demandas kial ni parolas en Esperanto en ili. Doktoro Zamenhof, en San-Petersburgo, dum la prepara konferenco de ruslandaj Esperantistoj, en 1910, reliefigis ilian signifon edukan kaj instruan.

Niaj kongresoj havas instruan signifon : la kongresanoj aŭdas nian lingvon. Ili kontrolas ĉu ilia ellernado estis ĝusta, ĉu ili bone komprenas. Ili komparas « sian propran manieron de parolado kun la parolmaniero de pli spertaj esperantistoj ». Ĉe la hejmen reveno, ili mem, pli pure, parolos. Ili alportos modelon de bona parolado, de bona parolmaniero. La kongresoj reguligas la uzadon de la lingvo. La egaleco de parolado sur la tuta terglobo estas tia, dank'al niaj kongresoj, ke estas neeble diveni la naciecon de bona oratoro. Ili do certigas la aŭtonomian vivon de Esperanto : « absolute propra, ne pruntita kaj ne imitita spirito ».

Niaj kongresoj havas edukan signifon : la izolaj esperantistoj kelkfoje dubas pri la ebleco interkompreniĝi. En la grupoj, ofte oni ne kuraĝas paroli kaj nur balbutas. Al la nekuraĝeco paroli aldonas la nekuraĝeco propagandi. En la kongresoj, la izolaj esperantistoj konvinkiĝas, entuziasmiĝas, fariĝas entuziasmaj batalantoj.

Trian karakteron havas niaj kongresoj : lukto-organismo. Nia lingvo estas kvazaŭ nenio en la mondo (8 milinoj, el tri miliardoj !) ; ĝi volas esti la dua lingvo de ĉiu Terano ! Ni do luktu, ni konkeru la mondon ! Ni ĉiuj estas soldatoj el la nova speco en paca tutmonda armeo.

Kaj nun, Doktoro Albault sin demandas ĉu ni estas taŭge ekipitaj por esti tia lukto-organizo.

Ni devas ekkoni la mondon senĉese kaj rapidege evoluantan. Jen kelkaj el ĝiaj novaj trajtoj : altiĝo de la vivnivelo tra la mondo ; plimultiĝo de la studentoj kaj lernantoj ; turismo iĝas senprecedenca fenomeno, ĝi estas la ĉefa formo de la moderna « lezuro » ; ekzistas multe pli da sendependaj landoj...

Ni devas esti pli bone ekipitaj teknike : ja maŝino, sed ĉefe homoj kaj la ĝusta homo devas esti en ĝusta loko. Necese estas studi nian agadon : Principoj de Frostavallen, plibonigo de pedagogiaj teknikoj, pli vastaj praktikaj aplikoj kaj kultura vivo ; progresigo de la fakoj.

Sed, super ĉio : unuiĝo de la koroj kaj de la mensoj en Zamenhofa spirito. Certe la tekniko estas bezonata, sed senutila se senanima ; male per celo kaj idealo klare viditaj, ni kreos la teknikojn. En Krakovo dum 1912a, parolante pri la neceso de unueco, Doktoro Zamenhof diris : « per interna malpaco ni ruinigos nian aferon pli rapide ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune ».

Doktoro Albault finas per vibranta alvoko al harmonia kunlaboro. La publiko longe aplaŭdas.

**Elekto de komisiono por la kontrolado de la voĉdoniloj kaj preparo de la voĉdonoj**

Estas nomitaj en tiu komisiono Sinjoroj Cugny, Curnelle, Julien kaj Motto. Oni alvokas poste la reprezentantojn de la Federacioj por baloti en apuda ĉambro.

**Akcepto de la protokolo de la kongreso en Le Havre :** Ĝi estas unuanime akceptata.

**Akcepto de la tagordo :** Ĝi estas unuanime akceptata.

**Agada raporto**

Ĝi aperis en Franca Esperantisto, en la numero de Februaro-Marto : la nombro de la aliĝintoj kreskis ĝis 2048 membroj en U.E.A. kaj 1509 en U.F.E. (kun kreskado en tiu lasta jaro je 10 %). En la numero de Marto-aprilo aperis aldono al la jara raporto rilate la agadon de Sinjoro Ribot, kaj raportoj de la delegitoj. Sinjoro Thierry substrekas, parolante pri Franca Esperantisto, la danĝeran vojon de nia gazeto. Li klarigas, ke la tasko de la redaktoro estas kontentigi la legantojn. Nu, post la Pariza Kongreso, oni petis malaperon de la literaturo, post la kongreso en Le Havre, oni petis malaperon de protokolaj aferoj !

La morala raporto 1965 ricevis 1.440 voĉojn por, sindetenojn 74.

**Financa raporto**

Tiun imponan kaj tiklan punkton nete kaj precize klarigas sinjoro Royer, ĉefkontisto en Parizo. Li legas tre longan raporton pri la kontoj de la buĝetperiodo 1964-65. Laŭ la deziro de Sinjoro Royer lia raporto estos komplete presigita en Franca Esperantisto. Tiel, ĉiuj estos plene informitaj.

Post tiu longa. teknika kaj tamen tre agrabla parolado, Sinjoro Royer prezentas post diskutado, la jenan mocion :

**Rezolucio, pri la kontoj de la jarperiodo de la 1-a de Oktobro 1964 ĝis la 30a de septembro 1965.**

La kongreso,

Leginte la financan tabelon, publikigitan de la kasisto en Revue Française d'Esperanto.

Aŭskultinte la raporton de la kontrevizinto kaj studinte la financajn dokumentojn, kiujn li prezentis kaj komentis.

Konvinkiĝas, ke la financaj dokumentoj estas klaraj kaj reprezentas ekzaktan bildon de la financa situacio de U.F.E.

Sekve decidas :

1) la kontoj por la jarperiodo 1964-65 estas aprobitaj kaj la kasisto estas kvitigita ;

2) la profito de la jarperiodo, kiu sumiĝas je 9.411,55 francs havu la jenan destinon :

Konforme al la paragrafo de la 13a artikolo de la statuto, la statuta fondaĵo ricevu :

| | |
|---|---|
| Reprezentitaj per la valorpaperoj ...... | 1.000,00 F. |
| Kaj reprezentantaj 10 % de la rentumoj | 16,00 F. |

La restaĵo estus dividita jene :

| | |
|---|---|
| — al la fondaĵo oficejo .............. | 5.241,85 F. |
| — al la biblioteka fondaĵo .......... | 280,05 F. |
| — al fondaĵo nedeviga .............. | 2.873,45 F. |
| Sumo .......... | 9.411,55 F. |

La kunveno fermiĝis je tagmezo.

**Posttagmeza kunveno :** Ĝi komenciĝis je la 16a akurate.

Sinjoro Julien legas la rezultojn de la diversaj balotoj :

a) la protokolo de la kongreso en Le Havre estas unuanime akceptita,

b) la morala raporto por 1965 ricevas 1.440 voĉojn por kaj sindetenojn 74,

c) la financa raporto estas akceptita de 1.075 voĉoj, sindetenoj 286.

**Elekto de la estraro :**

Havis : Chagnoux 1080 voĉojn, Chapelier 1082, Cugny 1086, Guillaume 1078, Llech-Walter 1085, Babin 1086, Martin 1086, Poly 1084.

Prezidanto : Sinjoro Llech-Walter ; vic-prezidantoj : A. Albault, R. Blanc, D. Chagnoux, G. Rougetet.

Ĝenerala sekretario : Guillaume, Helpsekretario : Bourdeaux.

Kasisto : Rousseau.

En la sino de la komitato, Sinjoro Jean Thierry forlasas la redakcion de Franca Esperantisto. Sinjoro Ribot anstataŭos ĝin. Sinjoro Bourdeaux fariĝas helpsekretario.

**Raporto de franca instituto de Esperanto :**

Ĝi aperis en la gazeto. Nenia demando pri ĝi okazis.

**SUGESTOJ DE LA FEDERACIOJ**

**Sinjoro Julien** legas rezolucion por la centra montara federacio.

Ĝi estas prezentita de Sinjoro Boulet, kaj subskribita de Sinjoro Blanc. Li rememoras la frazojn de la konkludo de la Fundamenta Principaro de Informado de Frostavallen, dum 1956 por petegi ke U.F.E. konstante uzu Esperanton por ĉiuj rilatoj kun siaj membroj. Li tion deziras por eviti la personajn kritikojn en franca lingvo de la Esperanto movado, por ne plu havi eternajn komencantojn, por ke oni ne plu donu la impreson al la ĝenerala publiko ke Esperanto estas idealista movado, tute ne lingvo.

Rilate la elekton de la konsilantoj, Sinjoro Boulet rimarkigas ke estas 8 nomoj proponitaj por 8 postenoj. Finfine, li konkludas per tiu propono : « la kongreso insistas, por ke U.F.E. konstante klopodu oficialigi esperanton kiel lernobjekton kaj precipe enmeti ĝin en la programon de la abiturienta ekzameno ».

**Sinjoro Boyer** prezentas rezolucion por Orienta Federacio : Okaze de sia nunjara kongreso en Selestat (Bas-Rhin), la Orient-franca Federacio rekomendas pli larĝan uzon de frapaj aktualaj varbtekstoj (sloganoj), uzeblaj en gazetartikoloj, kiel anoncoj, sur varbiloj, poŝtmarkoj, afiŝoj, glumarkoj kaj simile. Li proponas, kiel ekzemplon, franclingvan tekston.

**Sinjoro Boyer** parolas poste por la centr-okcidenta federacio :

Li rimarkigas ke multaj, kiuj ne aprobas U.F.E. foriris. Estas eraro ĉar tial multaj personoj estas for de U.F.E. Li proponas ke la homoj restu, ke la malkontentaj interkonsiliĝu kaj kandidatiĝu por la postenoj.

Estus dezirinde :

— ke la financa raporto estu utiligebla. En tiu okazo, li gratulas Sinjoron Royer pro lia laboro. Li ĝojas ke estu plano kaj deziras al Sinjoro Royer plenan sukceson en lia entrepreno ;

— ke la malkontentuloj ricevu okazon sin esprimi en nia gazeto. Sed oni ne devas insulti franclingve, sed paroli Esperanton ;

— ke la nombro de la kandidatoj estu pli granda ol la postenoj.

**Sinjoro Cristofol** parolas longe nome de la Tuluza societo.

Li petas ke, en la estonteco, interkonsente kun J.E.F.O., U.F.E. trovu kandidaton reprezentativan de la junularo ĉe la konsilio de U.F.E. Li konsideras ke la okazigo de Nacia kongreso ĉe Pentekosto ne estas tre oportuna por instruistoj kaj studentoj. Li petas ke ĝi okazu en la limoj de la lerneja Paska ferio.

Sinjoro Boyet substrekas ke la problemo estas la sama kun la datoj de la lerneja kaj labora jaroj.

Sinjoro Julien opinias ke la kalendaro estas normala. En la nomo de la Tuluza societo, Sinjoro Cristofol legas longan leteron destinatan al U.F.E. pri estonta vojaĝo de Sinjorino Cichova el Ĉekoslovakio. Sinjoro Guillaume kritikas ĉar U.F.E. ne estis informita. Doktoro Albault klarigas. Li montras la celon de tiu vojaĝo, la intencon de Sinjoro Cristofol Post diskutado, estis adoptita ke Sinjorino Cichova, pro mallonga restado en Francujo, vizitos nur la tri sudfrancajn federaciojn (Roussillon, Languedoc kaj Provence).

Poste, Sinjoro Cristofol, vigle, entuziasme kaj junece prezentas personajn proponojn :

— trovi taŭgan metodon por lernigi esperanton ;

— koni la adresojn de la diversaj federacioj.

Sinjoro Llech-Walter gratulas sinjoron Cristofol kaj dankas lin pro lia granda laboro.

**Sinjoro Babin** devis paroli por la sud-okcidenta federacio. Li substrekas ke nun, li ne plu rajtas ĉar li estas komitatano.

**Fraŭlino Clavier** parolas pri la Rodana-Franca federacio. La Federacio plendas pri la maniero uzita en U.F.E. por baloti estraron antaŭ la nacia kongreso. **Sinjoro Lemaire** petas, ke oni prezentu la kandidatojn pere de resumo de ilia agado.

**Sinjoro Asqueri** plendas pro tro da gazetoj.

La Federacio atentigas pri la stilnivelo de la ĵurnaloj, kiu devas esti adaptita al la kono de la komencantoj.

Sinjoro Asqueri plendas pro manko de la reformo de la statutoj.

**Fraŭlino Triolle** legas deziresprimojn de la Provenca Federacio :

Ŝi petas, ke la Franca Instituto de Esperanto liveru modelojn de la ekzamenaj provoj. Sinjoro Thierry klarigas ke la reeldono de la verko de Waringhien aperos baldaŭ.

Estas dezirinde, ke la provoj de la diversaj centroj aperu en Franca Esperantisto. Sinjoro Thierry respondas ke estas la afero de Sinjoro Tardieu. Nur la marsejlaj profesoroj elektas siajn provojn !

Nepre necesas reeldoni la elĉerpitajn librojn. Sinjoro Garrigue klarigas, ke temas pri la verko de Sinjoro Babin.

Tiu ĉi respondas, ke la eldoninto estas ne U.F.E. sed G.E.E. kaj ke li preparas la reeldonon de tiu verko kun aliaj ilustraĵoj kaj aldonitaj ekzercoj.

La Provenca Federacio petas, ke Franca Instituto de Esperanto senpartie aprobu aŭ ne la aperon de studlibroj por francoj aŭ franclingvanoj, pere de la mencio « Aprobita de Instituto ». Sinjoro Thierry klarigas ke Franca Instituto de Esperanto nur povas aprobi aŭ ne la prezentitajn verkojn. Ĝi povas nenion por la aliaj. Tamen la sugesto estos transdonata al ĝi.

La Provenca Kongreso esprimas la deziron ke Franca Esperantisto estu la sola gazeto por Francujo ; la aliaj fariĝu rubrikoj de Franca Esperantisto. Sinjoro Julien klarigas, ke la tro granda nombro da gazetoj estas fonto de elspezoj. Sinjoro Thierry substrekas, ke la demando ne dependas de U.F.E.

S-ro Babin rimarkigas, ke K.K. estas multe legata ekster Francujo, sed aldonas ke la eksterlandaj legantoj de K.K. ne interesiĝas pri la internaj aferoj de la franca movado pritraktitaj en F.E. kaj ke K.K. estas, por la Kulturdomo, propagandilo. Plie, ĝi havas tute propran karakteron, kiu plaĉas.

**RAPORTOJ de la fakoj**

Sinjoro Bourdeaux parolas pri la informa fako. Li prezentas sian projekton de bulteno laŭ ESSOR.

**INTERKONSENTO DE U.F.E. kaj G.E.E.**

Sinjoro Llech-Walter prezentas la historion kaj la rezulton de la diversaj renkontoj inter la reprezentantoj de la du asocioj. Doktoro Albault legas la protokolon en 8 punktoj inter la du asocioj. Ĝi unuanime estas akceptita.

Fraŭlino Dedieu parolas en la nomo de G.E.E. Jen la teksto de ŝia interveno : « Sinjoro Prezidanto kaj karaj gekongresanoj, en la nomo de G.E.E. kaj persone mi salutas la kongreson kaj esprimas dankon pro via akcepto de la interasocia kontrakto laŭ kiu, en la estonto ni ĉiuj kunlaborados en maniero pli utila al la afero de Esperanto : signo de harmonia divido de taskoj kaj inter konsentitaj kunlaboroj estis, ke U.F.E. transdonis al G.E.E. la organizadon de la Paska Kultura semajno, kiu okazas ĉiujare en la kastelo « Gresillon ». Alia signo estas ke eblis al G.E.E. okazigi hodiaŭ instruistan kunvenon en la kadro de la nacia kongreso de U.F.E.

Al tiu kongreso, G.E.E. deziras plenan sukceson kaj esprimas ĉi tie la deziron, ke ĉiu el Vi, per propra ago aŭ instigo al ĝustaj organoj klopodu venigi konkordon en la Esperanto-movado de nia lando kaj ĉesigi ĉiujn misagojn de esperantistoj kontraŭ esperantistoj, asocioj, grupoj aŭ societoj ».

**RAPORTO pri U.E.A.**

Doktoro Albault montras ke la peticio de O.N.U. estas multe plibonigita ol dum lasta julio. Li petas, ke oni klopodu por progresigi la aferon antaŭ la fino de la kampanjo.

Li anoncas, ke post la kongreso en Budapeŝto la sekvantaj okazos en Tel Aviv (1967) kaj Madrid (1968).

**Eldonaĵoj** : Sinjoro Jean Thierry anoncas, ke la verko de Chavet-Warnier elĉerpiĝis kaj estos baldaŭ reeldonata. Oni vendis 3.000 ekzemplerojn en ses jaroj. Marabuta libro pri Esperanto estas preparata. Jam la manuskripto estas finita. Estas tre bona aŭguro ĉar, eldonota de la firmo mem, estos vendebla en ĉiuj librejoj.

**Venonta kongreso :** ĝi okazos en Calais.

**Revizoroj :** Sinjoro Royer estas denove nomita kontrevizoro. Oni elektos duan kontrevizoron kapablan en la pariza regiono por faciligi la laboron.

**KONKLUDO :** Sinjoro Llech-Walter parolas.

Finfine, li diras, li povas respondi al multaj kritikoj. U.F.E. estas la esperantistoj kaj Agen ĝojega paŝo malgraŭ la morto de Sinjoro Micard. Ni devas kritiki, sed

per afablaj formoj. Ni devas streĉi niajn fortojn malgraŭ la modernaj kontraŭaparatoj.

**Fine, li prezentas la mocion de nia kongreso :**

La 58a nacia kongreso de Esperanto kunveninta en Agen la 28an, 29an kaj 30an de Majo 1966 :

— decidas organizi por la periodo 1966-1967, junularan kampanjon ;

— alvokas ĉiuj membrojn de U.F.E. streĉi sian forton por plivastigo de J.E.F.O. ;

— memorigas, ke la kongresaj debatoj dum kiuj oni povas libere ekzameni kaj diskuti la agadon estas loko por esprimiĝo de trafa kritiko.

La prezidanto fermas la kunvenon je la 18a kaj tri kvaronoj.

Protokolis : GARRIGUE.

P.S. — Pro nesufiĉa spaco, estas neeble aperigi la longan kaj detalo-plenan raporton de S-ro Royer. La eventualaj interesatoj bonvolu peti ĝian kopion ĉe nia sidejo 34, rue de Chabrol, Paris-X$^e$.

---

# POSTKONGRESAJ PRIPENSOJ

Estis neniu « organizita E-isto » en Aĝeno ! Tamen la tuta aranĝo evoluis glate kaj harmonie : ni devas tre danki nian amikon Ribot kaj lian edzinon, kiuj jam de longaj monatoj preparis ĉion, de la hotela prizorgo ĝis la kunmeto de Honor-Komitato ; de la plej esencaj taskoj ĝis la plej banalaj sed ja temporabaj laboretoj ; plurajn tagojn antaŭe niaj geamikoj devis forlasi sian Marmandan hejmon por ĉion ĝustigi en la Kongresejo mem. Vere, lokaj E-istoj ne estus povintaj pli bone prepari ; aliparte ne venis alia invito ol tiu de Aĝeno...

Tiel provizita de sia kadro, de sia « infrastrukturo », kiel do evoluis la Kongreso mem ? Nu, per mallongaj vortoj la kongresa laboro evoluis same glate kaj harmonie, sen kolizioj kaj sen ĝenaj tempoperdoj. La ĝeneralaj diskutoj fluis en amikema kaj aferema tono ; grava financa problemo trovis sian solvon ; la rekuniĝo de G.E.E. — sian feliĉan konkludon ; la apartaj komisionoj diligente studis kaj proponis decidojn ; eĉ okazis faka sciencista kunveno ; propaganda vespero estis organizata sabate ; kaj fine, la junuloj — eĉ ekster sia oficiala kunsido — organizis ekstrajn kunstarojn, kuntrinkojn kaj kunridojn, kiuj lasas esperi dinamikan venontecon.

Ni ankaŭ notu subtonon de enpensiĝo pro la kolektiĝo de la animoj super edifa vivo kaj giganta laboro de unu el niaj pioniroj : kreo de franca instruista asocio kaj de ĝiaj publikaĵoj, kreo de la somerlernejoj de G.E.E., kreo de la E-a Kulturdomo kaj animado de Grésillon, kiu de jaro al jaro komfortiĝis kaj iom post iom sin levis al bona kultura nivelo... Nigra krepa banto streĉis la koron de nia verdstela standardo ; ĝi mute ripetis : antaŭ du tagoj forpasis nia amiko Micard ! — Niaj pensoj telegrame flugis al la edzino kaj familio...

Malgraŭ sia malĝoja agordo tiu « 58-a » estos notita en la analoj de nia franca movado, kiel labora kaj unuiĝa, kiel bona deirpunkto por la venonteco. Ĉiuj niaj agantoj kaj pioniroj rajte povas esti kontentaj pri ĝi.

Kaj tamen mankis io ! Finfine, ni nur babilis pri kaj ĉirkaŭ niaj rutinaj taskoj : ni nur prizorgis la nepre necesan, kiel en preskaŭ ĉiuj aliaj kongresoj francaj ; sed ni forgesis... la ceteron ! En la venonteco, ni ŝatus vidi iom pli da dinamismo, iom pli da festa etoso, laŭ la konsiloj de D-ro Zamenhof mem ! Sed ni bone komprenu, ke tion ni ne povas atendi de la organizantoj ; male, la tuta franca movado, t.e. ĉiuj niaj lokaj societoj, ĉiuj individuaj E-istoj, ankaŭ devas helpi ! Kaj tio samtempe levu la entuziasmon kaj la konkuremon tra la tuta lando !

Nu ! Tio estas ankoraŭ nur ŝvebanta ideo sed kion vi mem opinius pri la organizado de konkurso, eventuale kun premioj, kiu konsistus por ĉiu partoprenanta loka societo prezenti kiel eble plej allogan programon de kulturvespero kaj paralele por ĉiu individuo la plej bonan programeron en diversaj branĉoj (rakontoj, paroladetoj, kantoj, skeĉoj, teatrajetoj...). Juĝantaro eliminus kaj decidus pri la eroj prezentotaj antaŭ la Kongresanaro, elektus la gajnantojn. Tra la tuta jaro, la lokaj societoj kaj la federacioj preparus la konkurson, kun la rezulto ke altiĝus la nivelo kaj la interna intereso de niaj kluboj... Paralele, nia junularo, kiu jam de du jaroj restis senvoĉa, povus trejniĝi por la Oratora Konkurso, ĉu reprenante la temojn proponitajn por Aĝeno, ĉu novajn en kundecido de J.E.F.O. kaj de la kultura komisiono de UFE. Kaj eble ni povus finfine starigi iun literaturan konkurson : jam de pluraj jaroj la demando ŝvebas...

Tiam eble — eble — niaj kongresoj povus akiri pli da intereso kaj pli da partoprenantoj, same kiel ĉe niaj sudaj najbaroj ! Nu, se, vere, vi same opinias, nepre manifestu vian konsenton kaj tuj skribu viajn pensojn, skribu ankaŭ pri via preteco prepari ion sola aŭ kun via loka societo ; aŭ se vi preferas destini premiojn por la konkursantoj, nepre tion frue anoncu !

Ni nur lanĉis ideon : ni nun vidu, ĉu ĝi scios vibri en viaj koroj kaj en viaj mensoj ; ni nun demonstru al niaj malamikoj, ke nin ne karakterizas apatio kiel ili ĉiuvente deklaras, sed ke, male, potenca dinamismo nin animas !

D-ro A. ALBAULT.

*NOTO* : Koncizajn opiniojn kaj konstruajn proponojn skribu jam nun al la Sekretario de la Kultura Komisiono : S-ro J. Manceau, 14, rue de la Mine, 57 - CREUTZWALD (Moselle).

# VOĈO DE LA GRUPOJ

### ALES

La 5-an de majo, serio da klaraj koloraj diapozitivoj ebligis al nia grupanaro konatiĝi kun la lazura Esperantujo : Primoŝten, jugoslava urbeto sur la bordo de la Adriatika maro, ĝemeligita kun Vallon-Pont-d'Arc.

La 6-an de junio ankoraŭ pere de diapozitivoj, ni vojaĝis en Finnlandon kaj vizitis Turku, gravan havenon sur la Baltika maro.

Ambaŭ serioj estis komentitaj en esperanto kaj entuziasmigis la ĉeestantaron.

Kaj nun finiĝas nia fruktodona esp. lernjaro. ĝojajn somerferiojn al ĉiuj, kaj ĝis oktobro por plua semado.

16 jara pola lernanto kiu interesiĝas pri filatelio kaj turismo deziras korespondi kaj interŝanĝi esp. ilbrojn kun Franco. Jen lia adreso : Kolman Jacek, Varsovio, Strato Okopova, 23/97 (Pollando).

### BEZIERS

Niaj grupanoj partoprenis diversajn esperantistajn manifestaciojn :

Du ĉeestis la SAT-Amikaran Kongreson en Bordeaux dum Paska ferio ; naŭ la kongreson de la Federacio « Languedoc-Roussillon » en Balaruc-les-Bains, la 8-an de majo ; kvin la U.F.E.-Kongreson en Agen dum Pentekosta ferio.

La kursoj regule okazas kaj ĉiuj senpacience atendas la jaran libertempon por ĉeesti internaciajn kongresojn !

### NARBONNE

Dimanĉe la 12-an de junio okazis komuna ekskurso de la grupoj el Béziers kaj Narbonne. Pro la necerteco de la vetero multaj membroj mankis ĉe nia kuniĝloko. Tamen, la Narbonanoj estis aparte kontentaj vidi Gesrojn Castello kun iliaj lernantinoj kaj S-inon Authier kun sia knabo. Iu delegito de gazeto rapide fotis la partoprenantojn, kaj je la fiksita horo, la aŭtomobil-karavaneto ekiris. Post dek-kilometra veturado oni atingis la celitan lokon : la bordo de la rivereto Cesse apud la kanalponto. Vere taŭga loko kiu ravis ĉiujn vizitantojn. Post la manĝo oni iom kantis kaj muzikis sed la teruraj junulinoj esprimis sian neflekseblan volon sin bani en la maron. Tial la tuta trupo enaŭtomobiliĝis kaj « antaŭen al Narbonne-Plage ». Sed pri tiu translokiĝo neniu plendis ĉar la ĉeesto sur la strando estis vere agrabla, la banemaj samideanoj larĝe profitis la okazon. La soifantaj (t.e. ĉiuj) invadis la vilaon de nia Prezidanto, S-ro Sayag. Venis la momento de la reveno kaj disiĝo post tago kiu ŝajnis al ĉiuj mallonga. Kiam okazos la venonta ?

**Morto de S-ro Laurent.** — La Narbona grupo spertis gravan perdon je la morto de S-ro Georges Laurent kiu okazis la 8-an de aprilo. Tre estimata instruisto, li estis elektita kiel unua direktoro kiam oni kreis la « Maison des Jeunes de Narbonne ». Li estis esperantisto de 1934. Dum sia longa kariero en la instruistaj kaj edukistaj medioj, li akiris multajn simpatiojn en nia urbo.

La Federacio « Languedoc-Roussillon » kondolencas la familion.

### NIMES

Ordinara kunveno dum la I-a merkredo de majo. Oni tamen faris kelkajn decidojn por la venonta jaro : inter aliaj decidoj aranĝi ekspozicion en la I-a aŭ la 2-a semajno de oktobro en la parolejo de la junula liceo, kaj provi organizi kurson en la sama liceo. La direktoro jam donis sian aprobon por ambaŭ projektoj.

### MONTPELLIER

La printempo invitis nin promeni, eliri el la domo kaj ĉeesti renkontojn. Samideanaj grupanoj partoprenis la jubilean renkonton en Montelimaro dum marto, la federacian kongreson en Balaruc-les-Bains, kaj la nacian kongreson en Agen dum Pentekosto.

En oktobro ĉekino, parolistino ĉe radio Praha vizitos nian urbon.

### PERPIGNAN

**Federacia Kongreso en Balaruc-les-Bains.** — Nia jara Federacia Kongreso okazis en Balaruc-les-Bains, la 8-an de majo 1966. La kunveno, bone sukcesis kaj raportoj pri la agado en la diversaj esperanto-centroj ebligis konstati fruktodonan laboron dum la jaro 1965/1966. Ĉiam antaŭen !

**Malfermo de la esperanto-kursoj 1966-1967 :**
Jaŭdon, la 6-an de oktobro : je la 9-an ĉe C.E.G. en Elne ; je la 11-a ĉe Liceo Arago en Perpignan ; je la 16-a ĉe Lernejo Racine en Perpignan.

Mardon, la 11-an de oktobro : ĉe la Kultura Centro de Esperanto, 5, quai Vauban, Perpignan. Perfektiga kurso, je 18 h. 30.

### VIRE (Calvados)

S-ro Saperas, profesoro ĉe Liceo Emile Maupas gvidas esperanto-kurson ĉiusemajnan al ĉirkaŭ 25 liceanoj el klasoj 5-a klasika kaj moderna. La kurso okazas en la licea klasĉambro de S-ro Sapéras.

Lastatempe, en ekspozicio de la verkaĵoj de la liceanoj, troviĝis panelo farita de la kursanoj de s-ro Sapéras. Ĝi prezentis platglobon kaj la multnombrajn leterojn ricevitajn de la kursanoj de eksterlandaj korespondantoj. Troviĝis ankaŭ foto de la kursanoj kaj steloj kun priesperantaj skribaĵoj. Tiun ĉi ekspozicion montris la regiona televido dum elsendo okazinta la 17-an de junio.

### A CALAIS, LES SCOUTS APPRENNENT L'ESPERANTO

Au moment où s'ouvre l'année 66-67, spécialement orientée vers les jeunes et les groupements divers qui les rassemblent, il est intéressant de noter ce qui vient de se passer à Calais :

La troupe scoute avait reçu une invitation de Yougoslavie pour aller passer là-bas quelques semaines dans un camp avec d'autres scouts de plusieurs pays. Tout le monde fut d'avis de réserver un accueil favorable à la proposition et l'on se mit à envisager les détails. Parmi ceux-ci, les scouts calaisiens demandèrent : « Quelle langue parlez-vous ? »

« L'Espéranto ! » répondirent les jeunes yougoslaves. Aussitôt, une razzia de méthodes de langue internationale fut organisée dans les librairies de Calais et chacun se mit à étudier l'espéranto, recommandé jadis par Baden Powel, fondateur du Scoutisme.

A l'heure des relations internationales, on se demande encore pourquoi et comment des organisations — de jeunes surtout — qui se prétendent internationales, s'obstinent à ne pas admettre l'Espéranto parmi leurs activités et leurs moyens d'action ! En tout cas la leçon de Calais — qui accueillera l'an prochain notre 59e Congrès National — mérite d'être retenue !

### HUMURAĴOJ

**Atentigo** : En nia Movado, je pluraj epokoj kaj en diversaj landoj, aperis diversaj humuraj gazetoj ; bedaŭrinde, ili ĉiuj malaperis. Ĉu la Esperantistaro ne estas sufiĉe ampleksa nun, por sekurigi la aperigon de tia gazeto ĉiumonata? Ĉu ni povus esperi vian respondon kaj eventuale vian kunlaboron... almenaŭ vian abonon ? Dume, ni plezure publikigos viajn elcerbumaĵojn.

### ŜIA AĜO

— Tiu maljunaspekta virino distrumpetas, ke ŝi estas 40-jara ; ĉu vere ?

— Verŝajne jes, ĉar si diras tion jam de dek jaroj !

### TEMPO MANKAS

— Kara Samideano, ĉu nia grupo povas kalkuli je via kunlaboro por la ĉi-jara informa laboro ?

— Nepre ne ! ĉar bedaŭrinde, mi disponas nur unu horon posemajne kaj tiun tempon mi rezervas por kritiki !

# LA PAĜO DE L'JUNULOJ

## Rimarkoj de la sekretario de JEFO

*post la kongreso en Agen, speciale por ĉiuj respondulo de U.F.E., de Fakaj Asocioj kaj por ĉiuj instruistoj*

Mi kore dankas la respondulojn de Federacioj kaj eksterajn personojn de JEFO, kiuj afable respondis al miaj sekretariaj informiloj kaj leteroj, kaj kiuj helpis pli malpli JEFO-n kaj la junularon. Sed mi tute ne estas kontenta kontraŭ tiuj, kiuj neniam respondis al mi, eĉ al afablaj leteroj. Tio ne estas inda de respondulo ! Tio estas grava manko en la franca esperantista movado : la manko de kunlaborado. Ĝenerale francaj esperantistoj havas tiujn malecojn : 1° Ili ne parolas Esperanton inter si, kaj se estas ridinde kaj stulte paroli Esperanton inter Francoj aŭ Germanoj aŭ Rusoj aŭ Ĉinoj aŭ Angloj, estas same ridinde kaj stulte paroli france aŭ germane aŭ ruse aŭ ĉine aŭ angle inter esperantistoj ! Paroli france inter esperantistoj estas pruvi al la tuta mondo, ke Esperanto nenion valoras ! Tro ofte, multe tro ofte, mankas la kunlaborado. Tro multaj esperantistoj sufiĉe viglaj aŭ tre viglaj kredas sin la kreinto mem de Esperanto aŭ la tuta movado mem. Tio estas grava eraro, kaj laŭ mi la ĉefa motivo de la malsukceso de Esperanto. Ĉar tiaj homoj senkonscie pli malpli konstraŭstaras aŭ bremsas la disvastigon de Esperanto.

Ekzistas multaj fakaj asocioj, kaj tio estas bona, eĉ estas necese, ke ekzistu fakaj asocioj por pli bone agadi en ĉiuj medioj. Sed iliaj agadoj ne ĉiam estas absolute bonaj, ĉar mankas la kunlaborado inter la responduloj. Ĉiuj esperantistoj kaj ĉefe la responduloj de fakaj asocioj devus ankaŭ esti membroj de Universala Esperanto-Asocio, kaj ĝiaj Landaj Asocioj, ĉar Universala Esperanto-Asocio estas por ĉiuj. Esperantisto ne estas kompleta esperantisto, kiu ne estas membro de U.E.A. !

Nun mi informas vin pri JEFO, ĉar ŝajnas al mi, ke malmultaj konscias sian devon al JEFO. JEFO tute ne estas aparta movado, sed en la kadro de U.F.E. kaj U.E.A. kaj en plena kunlaboro kun ĝi (U.F.E.-U.E.A.), baldaŭ pli ol ĝis nun mi esperas, JEFO do estas faka parto de UFE-UEA, kaj celas agadi en la junulara medio. La Estraro de JEFO estas elektita de ĉiuj junaj membroj, kiuj partoprenas la Nacian Kongreson de JEFO, kaj akceptitaj de UFE-UEA. Do vi tute ne devas honti kunlabori kun JEFO !

Sed JEFO, kiu estas ankoraŭ nova fako, kies membroj estas junuloj, suferas pri multaj malhelpaĵoj pro tiu noveco, pro la juneco de siaj membroj, kiuj kelkfoje devas momente ĉesigi la agadon pro studoj aŭ aliaj kaŭzoj (ŝanĝo de vivloko, geedziĝo, k.t.p.), membroj, kiuj povas malhavi spertojn pro manko da informoj kaj longa restado meze de la movado.

Tial mi afable kaj tre insiste petas, ke UFE aktive helpu nin, ke ĉiuj grupoj kaj federacioj starigu grupojn aŭ instigu al la starigo de grupoj, kaj informu nin pri tio, kaj starigu regulajn interrilatojn kun ni.

Plie mi tre petas, ke ĉiuj instruistoj de Esperanto ankaŭ regule interrilatu kun ni, ke ili donu al ni komence de ĉiuj kursoj la liston de la junaj lernantoj, antaŭ la fino de la kursoj la rezultatojn de tiuj kursoj, ke ili intime kunlaboru kun la lokaj grupoj aŭ kun proksimaj grupoj aŭ federacioj, se ne estas loka grupo. Ke ili indiku al ni, se ne estas loka grupo, la nomon de la plej kapabla laŭ ili, por formi grupon, se tiu aŭ tiuj instruistoj ne volas ili mem formi grupon. Nur tiel via laboro ne estos vana !

Ankaŭ mi petas de la organizantoj de la kulturaj semajnoj en « Grésillon », ke ili donu al ni antaŭ la komenco de tiuj kulturaj semajnoj la liston de la junaj partoprenantoj, kaj la lingvan nivelon de ĉiu partoprenanto. Kaj ke oni akceptu en « Grésillon » nur tiujn, kiuj almenaŭ antaŭpagis la 5frankan kotizon.

Mi ripetas : la afabla kunlaboro, kiel diris D° Albault dum la kongreso, la afabla kunlaboro inter ĉiuj esperantistoj estas nepra kondiĉo por la sukceso de Esperanto.

Vi ankaŭ scias, ke la junularo estas la estonto. Se ne estas sufiĉe vigla junulara movado, Esperanto ne povas disvastiĝi, kaj eĉ povas malaperi.

Oni informis min ĵus antaŭ la kongreso, ke venontjare ekzistos junularaj fakoj en ĉiuj bonaj Esperanto-Grupoj de Rhône-Alpes.

La komitato de UFE laŭ instigo de s-ro Bourdeaux faris decidon, por ke oni « Lanĉu Junularan Agadon », franclingve : « Une Opération Jeunesse » dum la sekvonta jaro. Kaj mi profitas la okazon por rememori al vi, ke vi mem responduloj de federacioj elektigis de viaj membroj la Estraron de UFE. Do kiam la Estraro faras decidon pri io, vi devas fari tion, kion decidis UFE, aŭ se vi ne povas, vi absolute devas informi la Estraron de UFE pri tio, kaj doni la motivojn de la malhelpo por kune kun la Estraro serĉi la rimedon por fari tion, kion decidis la Estraro. Estas la nura kondiĉo de sukceso. U.F.E. ne devas esti « Un machin », al kiu ĉiuj pli malpli spitas. Ĉiuj esperantistoj kaj ĉefe la responduloj de la federacioj respondas pri la bona aŭ malbona funkciado de UFE. Ĉiuj esperantistoj ankaŭ devas bone kaj plene konscii, ke Esperanto estas internacia movado kaj ne nur loka aŭ faka movado.

Finante mi esperas, ke vi ĉiuj pli intime kaj afable kunlaboros kun ni, kaj ke la sekvonta Nacia Kongreso dank'al tiu via kunlaboro estos pli konstrua ol la lasta.

Louis COURTOIS.







Flamme commandée par l'U.E.F. et utilisée par un Bureau Postal de Paris, pendant toute la durée de l'exposition « Connaissance de l'Esperanto » à l'Institut National de Pédagogie.

# Communiqués d'U. F. E.

## PIERRE BABIN PREND LA DIRECTION DE LA MAISON CULTURELLE

Après s'être dévoué de nombreuses années à la Maison Culturelle de Grésillon, M. Pierre Babin, Professeur d'Anglais nouvellement nommé à Nantes, vient d'être appelé par le Conseil d'Administration à succéder à Henri Micard.

Nous le félicitons de cette confiance largement méritée et nous le remercions d'avoir bien voulu accepter la lourde charge que constitue la direction d'une telle entreprise. Qu'il soit assuré que demain comme hier, tous les espérantistes seront à ses côtés pour aider la Maison Culturelle à remplir le rôle pour lequel elle fut créée.

Nous n'aurions garde d'oublier Madame Babin, qui participe à l'administration de Grésillon et assure avec son amabilité coutumière la direction matérielle de certains stages.

A. R.

## RECEPTION A L'AMBASSADE DE FRANCE A BUDAPEST LE 2 AOUT 1966

Grâce à l'aimable intervention de M. Dabezies, une délégation française conduite par M. René Llech-Walter, Président, a été reçue pendant plus d'une heure à l'Ambassade de France à Budapest. Etaient présents : M. l'Ambassadeur et ses attachés, M. Jacques Dhaussy, envoyé spécial du « Figaro » ; M. Bourdeaux, attaché de Presse ; M. Guillaume, secrétaire général ; M. Rousseau, trésorier et Madame ; M. et Mme Cheverry, représentant la Maison Culturelle de Grésillon avec M. et Mme Jellenc et Mme Vincent de la Commission de l'Enseignement de l'U.F.E.

Au cours de l'entretien un cocktail fut offert par M. l'Ambassadeur à ses invités.

Prenant congé et le remerciant pour son aimable réception le Président de l'U.F.E. remit à M. l'Ambassadeur une documentation sur l'esperanto.

## DU 25 JUILLET AU 11 AOUT 1967 CROISIERE U.F.E. A TEL-AVIV POUR LE 52e CONGRES UNIVERSEL D'ESPERANTO

Dans le prochain numéro de Franca Esperantisto nos lecteurs trouveront, encartée, la circulaire comportant les renseignements détaillés sur le voyage par bateau à Tel-Aviv.

Pour le moment signalons qu'il faut prévoir, comme premier prix, pour le voyage aller et retour en cabine à 6 lits et logement en bungalow au village de Maccabia près Tel-Aviv, pension complète environ 1.000 francs.

Possibilités de voyage en cabine à 4, 3 et 2 lits et hôtel 2e et 1re catégorie avec supplément de 100 à 700 francs suivant la cabine et la catégorie de l'Hôtel choisies.

Nous étudions actuellement le séjour à Tel-Aviv en demi-pension et le programme des excursions. Tous renseignements seront donnés dans notre prochain numéro.

R. L.-W.

## ESPERANTO-DOMO EN PARIZO

La kolektado de la brikoj por la aĉeto de la Esperanto-domo en Parizo daŭrigas.

Koregan dankon al la unuaj donacintoj !

Se ni ricevos multnombrajn brikojn ni studos la eblecon trovi pli oportunan aŭ pli grandan ejon ; la ŝabrola estas sur la dua etaĝo kaj tio estas malavantaĝo

Paroligu vian monujon por la realigo de niaj esperoj !

La briko valoras 100 frankojn sed ni ricevas ankaŭ briketojn (10 f.) por faciligi, dum la jaro, la akiron de unu briko.

R. L.-W.

## VI NE ESTAS PROFESORO SED VI POVAS ESTI KURSGVIDANTO !

Por disvastigi la internacian lingvon ni bezonas multajn kursgvidantojn ! Se vi estas edukisto vi devas malfermi esperantan kurson en via lernejo, se vi ne estas instruisto vi povas gvidi kurson inter viaj konatuloj, sen pretendemo ; vi diros al ili : « Ni ĉiuj kune lernos la internacian lingvon ! » Kaj se vi timas uzu la diskojn !

R. L.-W.

## PRINCIPARO DE FROSTAVALLEN

La Principaro ellaborita en Frostavallen por racie kaj senĥaose gvidi nian Movadon ludas tiel elstaran rolon, ke ni tre volonte malfermos novan rubrikon, kies nomo povus estis — kial ne ? — Frostavallen. Ĉiutrimestre, diversaj esperantistoj povus tie klarigi, komenti, diskuti kaj ĉe la fino, proponi praktikan konkludon por efektivigi iun el la nombraj principoj de Frostavallen.

Tiuj el niaj legantoj, kiuj bonvolos profitigi siajn samideanojn je iliaj ekpensoj, bonvolu sendi al la redakcio ĉirkaŭ duonpaĝan artikolon pri iu Frostavallena punkto, kiun li mem laŭvole elektos.

Ni atentigas vin pri la ĝusta loko, kie tiu Principaro de Frostavallen estas trovebla en sia oficiala formo : Jarlibro de U.E.A. 1965 - Unua parto p. 38.

## L'INFORMATION, SOUCI MAJEUR !

En ce début d'année scolaire, il convient de réfléchir sur l'action qu'en accord avec l'U.F.E. nous allons entreprendre pour informer les non-espérantistes des possibilités qu'offre déjà la langue internationale et des divers moyens à leur disposition pour l'apprendre dans les meilleures conditions.

Or, cette année 66-67 s'ouvre sur une note extrêmement optimiste : une exposition « Connaissance de l'Esperanto » est ouverte au public à l'Institut National de Pédagogie, 29, rue d'Ulm, Paris 5e et elle le restera jusqu'au 29 octobre. Il me semble que dans l'histoire du Mouvement espérantiste Français, c'est la première fois qu'a lieu une telle Exposition patronnée par M. le Ministre de l'Education Nationale et par les plus hautes Instances des milieux enseignants. Il est donc normal que cet événement dont l'importance n'échappera à personne, domine toute notre campagne d'information au cours de cette année 66-67.

Un fait est certain : l'Espéranto a retenu l'attention des milieux officiels et notamment du Ministère de l'E.N. Cela va naturellement faciliter grandement notre action et l'orienter, mais non point nous en dispenser. A nous tous d'agir d'après les circonstances devant lesquelles nous serons placés et en nous souvenant que la meilleure information s'appuie sur des faits précis et non sur des rêves ! La meilleure information est aussi celle que l'on adapte à l'individu : il est évident qu'un scout, un professeur, un prêtre et un jeune paysan devront être informés par des moyens différents ; c'est affaire de jugement et d'appréciation à laquelle nos amis sauront appliquer le fruit de leur expérience.

Parmi tous les moyens d'information dont nous disposons actuellement, rappelons pour mémoire, en essayant de les classer :

**Information Générale :** Nouveau prospectus U.F.E. — Affiches couleur 60 × 80 (E.F.E.) — Prospectus 4 pages l'Esperanto et la Culture ; l'Esperanto dans l'Enseignement (E.F.E.) — Esperanto - Eclair (E.F.E.) — et surtout Nos Premiers Pas en Esperanto (E.F.E.) brochure illustrée de 32 pages, livrée avec disque souple microsillon et qui, par sa présentation moderne, retient l'attention.

**Milieux intellectuels :** Valeur pédagogique de l'Esperanto (U.F.E.) — A B C à l'usage de ceux qui aiment les lettres (U.F.E.) — Précis Grammatical (E.F.E.) — Signalons en outre, pour les milieux religieux, la petite plaquette : l'Espéranto au service du Christ (E.F.E.). Enfin, dans les 11 feuilles documentaires dont vous trouverez le détail page 17, vous aurez un excellent moyen d'information adapté à ceux que vous voudriez convaincre.

L'information est une question extrêmement vaste, car ses aspects sont multiples. Que chacun d'entre vous qui a un problème à résoudre, ne craigne pas de faire appel à l'U.F.E. : dans la mesure de ses modestes moyens, notre Association nationale ne demande qu'à vous aider.

### CONSEILS DU MOIS

1 — Dès la réception de ce numéro, faites la liste des personnes à qui vous allez faire visiter l'Exposition « Connaissance de l'Esperanto », 29, rue d'Ulm, Paris 5e, (ouverte de 9 h. à 18 h. sauf dimanche, jusqu'au 29 octobre).

2 — **Réfléchissez :** A qui allez-vous enseigner l'Esperanto cette année ? Dans le cadre de l'action de votre Groupe ? Dans une école ? A un isolé ? En tout cas, vous ne pouvez pas vous croiser les bras et attendre que les autres agissent pour vous.

*AIX. — Renkontiĝo de la 17a de aprilo 1966.*

Bone okazis junulara renkontiĝo de esperantistoj la dimanĉon 17an de aprilo, en Aix. Ĉeestis entute 18 gejunuloj, ĉefe gestudentoj. Ni supreniris la montaron Ste Victoire ĉe la suda flanko, perdiĝis 2 aŭ 3 foje, — eĉ kelkaj uzis ĉenon por surgrimpi akrutan deklivon ! — kaj alvenis sufiĉe malfrue ĉe la supro. — Post bona manĝado ni mirigis la ĉeestantaron (junaj skoltinoj kaj diversaj montemuloj) per niaj strangaj kantoj. Eksonis « la fluanta tajdo », kaj poste « ili » komprenis en kia lingvo ni kantis, ĉar ja estis « Esperanto estas la lingvo por ni... ». Ni ne ĉiam babilis en la Internacia Lingvo, sed ĉe la fino, Svedo, kiu tute ne scipovis Esperanton diris al mi esperantlingve tutan frazon !

Do entute sukcesa, — kaj efika por nia propagando — montriĝis tiu ekskurso.

La Kasistino de Stelo.

⁂

*BOLOGNE. — Dua Paska Renkontiĝo de Itala Esperanto-Junularo, la 9an, 10an, 11an de aprilo 1966.*

Ĉirkaŭ 50 gejunuloj partoprenis, el ĉiuj regionoj de Italujo. Svislando, Aŭstrujo, Germanujo, Francujo sendis reprezentantojn. Partoprenis ankaŭ Bulgarino nun studanta en Italujo.

Akcepto funkciis ĉe la stacidomo, kaj afabla knabo kondukis la alvenintojn al la sidejo de la grupo, en la centro de la urbo, kie la dokumentoj estis ricevataj : gvidlibreto kaj plano de la urbo esperantlingve, plano de Bologne en itala lingvo, du poŝtkartoj presitaj esperante, la programo de la renkontiĝo, la adresaro de la partoprenantoj.

Sabate matene, la Prezidanto de Itala Esperantista Junularo, D° Turone el Milano, F-ino Teresa Casagrande, la loka respondeculino, la du Aŭstrianoj kaj mi mem estis akceptitaj de la radiestro, kiu faris sufiĉe bonajn demandojn pri Esperanto kaj pri la renkontiĝo. Triminuta radioelsendo en itala lingvo kaj Esperanto (respondoj de la Aŭstrianoj kaj mi mem). Aliajn informojn pri tiu kongreseto la radio elsendis dimanĉe kaj lunde.

La oficiala malfermo okazis antaŭ la lokaj eminentuloj. Mi nur bedaŭras, ke oni parolis nur Italan Lingvon kaj ne diris iun vorton esperante. La temo : « Internacia Kulturo por la Junularo », sed la diskutado, kiu sekvis, temis ĉefe pri unuiĝonta Eŭropo. Aliaj prelegoj ne okazis.

La distra parto konsistis el vespero ĉe « Bolling-klubo » sabate vespere, sed la esperantistoj pli babilis ol ludis. Dimanĉe ĉiuj ekskursis per luksa aŭtobuso al etruskaj elfosaĵoj. Tre grave : la italaj junuloj ne kantis ! En tiu Paska tago, la esperantistoj ĉeestis sanktan diservon. Mi ankaŭ ĉeestis ĝin, ĉar la pastro alvenis speciale el Rimini por diservi en Esperanto. Revenante, ni haltis ĉe belega lago, ĉirkaŭita de arbaro ; apud ĝi estos konstruita la vilaĝo « Esperanto ». La tradician komunan foton oni faris antaŭ la tombo de Guglielmo Marconi, en la loko mem, kie li unue spertis radion. Dimanĉe vespere, la ankaŭ tradicia balo bone sukcesis : oni multe dancis « slow » kaj kelkaj « sirtahi » kaj « letheios ». Lunde la suno finfine brilis kaj ni supreniris la altan turon de Bologne, kaj havis bonan vidon al la tuta urbo.

Laŭ mia opinio, oni tro multe krokodilis. La respondo de la Italoj estis la jena : « Ni estas mallaboremaj. Pli facile estas paroli itale inter ni ». Tamen ili provis paroli Esperanton kun mi, kaj mi povis havi interesajn diskutojn, precipe pri la movado en Italujo kaj la rolo de la gejunuloj. Fine sama afero kiel ĉe ni : gejunuloj ne partoprenas la kunvenojn, ĉar nur pli ol sesdek-jaruloj ĉeestas ilin, parolante italan lingvon.

Post tiu kongreso, la sama impreso : ĝi estis tro mallonga, mi ne sukcesis fari ĉion, kion mi deziris, mi ne sufiĉe parolis kun ĉiuj.

La VicPrezidantino de JEFO.

⁂

*NOVA JEFO-ESTRARO*

Dum la Nacia Kongreso la ĉeestantaj junuloj elektis la jenan estraron.

Annie Triolle : Prezidantino;
Renée Triolle : Vic-prezidantino ;
René Bastong : Kasisto;
Louis Courtois : Sekretario.

*51-a UNIVERSALA KONGRESO EN BUDAPEST*

Mi pasigis dek tagojn en Hungarujo. Mi diskutis kun multaj personoj el diversaj landoj.

Budapest estas tre bela urbo, kaj la homoj estas tre afablaj, ili akceptis nin tre bone.

Dimanĉon, 31-an de julio okazis la inaŭguro de la 51-a Universala Kongreso de Esperanto. Multaj personoj paroladis ĉe la mikrofono.

Mardon, 2-an de aŭgusto, la Bulgara Esperanto-teatro prezentis « Familiaj problemoj ». Mi multe amuziĝis. Vespere post la bankedo mi partoprenis la oficialan balon. Tiu balo estis simpatia, sed mi ne tre bone amuziĝis.

La ekskurso kondukis nin al la lago Balaton, kiun ni trairis per pramo.

En Budapest estas dek tri naĝejoj kaj la sportejo estas tre moderna kaj grandega.

Por la lasta vespero ni vespermanĝis en tipa restoracio, proksimume tri kilometrojn de Budapest. Mi multe ŝatis la restadon en Budapest sed ĝi estas jam finita. Mi opinias, ke ĉiuj estis kontentaj pri sia restado.

MASSÉ Dominika, 14-jara knabino.

# Qu'est-ce que la Maison Culturelle Esperantiste ?

Vieille maintenant de 15 ans, la Maison Culturelle des Espérantistes Français reste pour un certain nombre d'espérantistes une inconnue, ou, ce qui est peut-être pire, est mal connue. Même ceux, nombreux, qui l'ont visitée, s'en font parfois une idée inexacte. On connaît le château, son parc, sa pièce d'eau ; on ignore souvent ce qu'est la « Maison ». Des phrases entendues, des questions posées lors du Congrès d'Agen, même par des espérantistes de longue date, le prouvent.

Avant tout il convient de souligner que la Maison Culturelle des Espérantistes Français n'est pas le château de Grésillon. Elle est une société coopérative fondée en 1951, et qui a fait acquisition du château quelques mois plus tard. Le but de cette société est de mettre à la disposition de tous les espérantistes, sans distinction de groupement, un lieu et une organisation leur permettant de se réunir pour apprendre et pratiquer l'Esperanto. Son conseil d'administration dresse le calendrier des stages organisés par la Maison elle-même et accepte éventuellement les propositions qui lui sont faites par les associations esperantistes françaises ou étrangères qui choisissent le château de Grésillon comme lieu de leurs propres rencontres. Le conseil d'administration ne peut évidemment accepter d'héberger des stages au château qu'en dehors des dates qu'il a retenues pour ses propres manifestations.

La Maison Culturelle des Espérantistes Français est donc absolument indépendante de toute autre association espérantiste. Une confusion s'est faite au départ et il semble qu'elle ne soit pas complètement dissipée. En effet, fondée par le remarquable animateur qu'était Micard, alors secrétaire général du G.E.E., créée en particulier, mais pas uniquement, pour permettre au Groupe des Enseignants de continuer à organiser ses Ecoles d'Eté que la difficulté de trouver des locaux risquait de faire disparaître, il a semblé à certains que la M.C.E. était une création du G.E.E. La vérité est que sa création est le fait de certains membres du Conseil d'Administration du G.E.E. qui furent pendant une période et en même temps membres des deux conseils d'administration. Pendant toute cette période, les dirigeants des deux organisations étant les mêmes il y a eu entre elles un certain parallélisme. Ce parallélisme a disparu le jour où il s'est avéré impossible de diriger les deux organisations à la fois. Le G.E.E. d'une part, et la M.C.E. de l'autre, ont alors poursuivi leur route en toute indépendance, les membres ayant appartenu aux deux conseils d'administration se consacrant soit à l'une soit à l'autre des deux organisations. Voilà pour l'histoire.

La direction administrative et culturelle des stages est assurée par des équipes bénévoles. Le grand problème constant à résoudre est le suivant : faire vivre, entretenir, améliorer une grande maison, en apportant aux stagiaires non seulement un certain confort matériel, mais encore une satisfaction dans le domaine des activités, et ceci avec un fonctionnement de seulement trois mois. Or, les dépenses d'entretien s'étendent sur une année entière et la Maison Culturelle est par la force des choses, dans une certaine mesure, une entreprise « commerciale ». Les stages espérantistes ne lui permettent que d'équilibrer son budget. Les ressources qui lui donnent la possibilité d'apporter les améliorations nécessaires, dont les espérantistes profitent, lui viennent en grande partie de stages ou de passages de non espérantistes acceptés en dehors de la « saison espérantiste ». Et sans cet appoint le château ne serait pas ce qu'il est.

Les activités de la Maison Culturelle sont conformes à ses buts : servir l'Esperanto et servir les hommes par l'Esperanto. Il ne s'agit pas pour elle seulement d'apporter aux espérantistes chevronnés des moyens de pratiquer la langue et de s'enrichir par son usage, mais encore de donner la possibilité à d'autres d'en continuer l'étude ou même de la commencer. On entend parfois la langue française à Grésillon ? C'est vrai et nous devons nous en réjouir car le mouvement espérantiste ne doit pas vivre sur lui-même, mais amener à lui des forces nouvelles. La Maison Culturelle contribue à amener ces forces et on ne peut faire des espérantistes que de gens qui ne le sont pas, n'est-ce pas ? Combien de non espérantistes, accompagnant des espérantistes ou venant leur rendre visite se sont intéressés à l'Espéranto et en ont entrepris l'étude parce qu'ils ont été en contact à Grésillon avec la réalité espérantiste ? Le nombre en est fort appréciable. Le succès serait encore plus grand si tous les bons espérantistes, ceux qui pensent que Grésillon ne peut plus rien leur apporter (ce qui est inexact car on a toujours à apprendre des autres) pouvaient, en adoptant une position moins égoïste, se rendre compte qu'ils peuvent, eux, apporter beaucoup aux autres, ne serait-ce qu'en aidant à créer l'atmosphère, le « bain d'Esperanto » nécessaire.

Cet article est écrit intentionnellement en français car il faut que le lisent aussi ceux pour lesquels la lecture de l'Esperanto n'est pas encore un plaisir mais un exercice.

P. BABIN
Président de la M.C.E.

**Nova adreso : 13, bd de la Chauvinière, 44 - NANTES**

### KULTURSEMAJNO EN GRESILLON

En Grésillon, en la franca regiono Anjou, ĉe rivero Loire, okazis de la 1-a ĝis la 8-a de aprilo la « 5-a Paska Kultursemajno ». La francaj esperantistoj, kiuj aĉetis en tiu histori-memoriga regiono kastelon, tre bele situantan meze de herbejoj kaj arbaroj, ĉiujare organizas tiajn semajnojn por ebligi al multaj esperantistoj, kaj precipe al junaj gelernantoj, ĝui esperantistan etoson kaj progresi en la lernado de la lingvo internacia.

Dum la ĉi-jara semajno, kiun mi partoprenis dank'al afabla invito de la organizantoj, oni aranĝis tiucele rektemetodajn lecionojn gvidatajn de Prof-ro Turin, multajn interesajn prelegojn (parolis interalie Prof-ro Thierry pri parolo kaj lingvo, Prof-ro Duc-Goninaz pri ortografio kaj fonetiko en esperanto, Prof-ro Martin pri la dolmenoj kiuj troviĝas en Anjou, Prof-ro Babin pri Edukado kaj toleremo), kaj paroladojn pri aliaj landoj (S-ro Guillaume montris lumbildojn pri Skandinavio, S-ro Rousseau pri Islando, kelkaj eksterlandanoj parolis pri sia lando : Japanio, Danio, Hispanio). Krome oni vidigis kelkajn mallongajn filmojn (La Muelejo de Metilernantoj — Fiat 850) kaj la unuan filmon kun parolo en Esperanto : « Angoroj » de Mahé.

La programo, interesa kaj riĉa, lasis tamen al la okdek partoprenantoj (por multaj el kiuj la restado estis senpaga dank'al kontribuo de la Franca Ministerio pri Edukado), kelkajn liberajn horojn dum kiuj ili povis aŭskulti la instruajn spritaĵojn de S-ro Motillon, ludi tablotenison, kanti kaj promenadi. Oni aranĝis ankaŭ tuttagan aŭtobusan ekskurson al kelkaj famaj kasteloj de la Loire-regiono, sub la gvidado de S-ino Cheverry.

Vendredon vespere, post afablaj salutvortoj de la Prezidanto de U.F.E., S-ro Llech-Walter, ĉiuj kantis la « Kanton de l'Revido », kaj disiĝis laŭ ĉiuj direktoj, riĉaj je agrablaj memoroj pri la esperantista etoso en la Kulturdomo kaj pri la multaj novaj geamikoj kiujn ili tie ekkonis.

Giampiero RODARI.

laŭ « L'ESPERANTO » numero 101 ; maggio 1966 — anno 44 — N. 5.

# NI KLERIĜU

INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA (I.S.A.E.)

Dum la Nacia 58-a E-Kongreso en Agen (Francujo), okazis la 29-an de majo, speciala fakkunveno de la franca Sekcio de la Internacia Scienca Asocio Esperantista (I.S.A.E.).

Inĝ. Dettwiller senkulpigis D-ron Albault, membro de la Akademio, kiu ne povis ĉeesti, kaj gvidis la kunvenon.

El la diversaj demandoj kaj respondoj, elreliefiĝis la jenaj ĉefaj punktoj pritraktitaj en kolega etoso, sen tagordo :

— Nuna kunlaborado de Stelo kaj ISAE ;
— Subteno de la francaj E-Sciencistoj al ISAE ;
— Nuna problemo de plifortigo de la franca Sekcio ;
— Problemoj ligataj kun la starigo de oficiala Traduko-Centro, en la kadro de ISAE aŭ sub ĝia aŭspicio — francaj vidpunktoj ;
— Francaj proponoj kaj deziroj farotaj dum la kunvenoj de ISAE en la kadro de la 51-a U.K. en Budapeŝto.

La franca Sekcio opinias ke la unuaj necesaj paŝoj por la Enkonduko de Esperanto en la Sciencojn estas aperigo de esperantlingvaj artikoloj aŭ resumoj en la fakrevuoj kaj teknika gazetaro. Ĝi gratulas la konstantan aperon de E-resumoj en « Journal de Médecine de Lyon », la faratajn klopodojn de Esperanto-Fako de Atomkerna Studcentro en Grenoble por tia enkonduko (kampanjo : « Chimie Analytique », « Nucleus », « Techniques Nouvelles », « Talanta », « Chemical and Engineering News », dezirante pluan sukceson.

Ĝi profitas la okazon por laŭdi la entreprenon de Sro Barrocas, koncerne « Kemio Internacia » kaj esprimas siajn korajn bondezirojn al li.

ĈU HISTORIO INTERESAS VIN ?

La Internacia Lingvo estas utiligata por pli kaj pli da celoj tute konkretaj kaj difinitaj. Tamen la fundamenta celo restas plifaciligi la interkomprenadon de la homoj el diversaj lingvo-teritorioj kaj tiel kontribui al la interna kompreno inter la homoj. Evidentas ke unu el la multaj kaŭzoj de malsimpatio kaj malamikeco inter la popoloj estas la historia (mis-) konscio de la homoj. Se la personoj pli bone komprenas la kutimojn, morojn kaj vidpunktojn de siaj nacioj, nepre necesas diskuti ankaŭ la pasintaĵojn, kiuj estas iuspecaj radikoj de nia nuntempa ekzistado ; do necesas, ke ĉiuj popoloj iom penetru en la historion de aliaj popoloj.

La — bedaŭrinde nur kvar — fakdelegitoj de U.E.A. pri historio interkonsentis fine de januaro 1966 en neformala Internacia Historiista Fakgrupo (I. H.F.G.) diskuti historion, instruadon pri historio kaj surbaze de reciproka subtenado publikigi historiajn studojn en la Internacia Lingvo. La komence transprenitaj taskoj de la fakgrupo estas : difinado de historiaj nocioj kaj kompilado de terminaro (eventuale en formo de historia leksikono), kompilado de bibliografio pri faŝismo kaj fine preparado de eldonota historiista bulteno kaj eventuale historiistaj kajeroj.

La anoj de la IHFG alvokas ĉiujn personojn kiuj scipovas la Internacian Lingvon kaj aŭ estas profesiaj historiistoj aŭ hobie okupas sin pri historio (kaj ĝin rilatantaj aferoj) kunlabori, ĉu konstante, ĉu en iu difinita programero. La IHFG-anoj salutas ĉiajn instigojn kaj atentigojn pri terminologiaj problemoj, bibliografiaj indikoj, diskutindaj temoj k. t. p. !

La korespond-adreso de la Internacia Historiista Fakgrupo estas : d-ro E. J. Görlich, Postfach, 70, 1094 Wien, Aŭstrio.

INTERNACIA UNUIĜO DE ESPERANTAJ FILOLOGOJ

Fondita en 1963, tiu Asocio grupigas nun 54 regulajn, 35 kunlaborajn kaj 3 helpajn membrojn. Povas aniĝi ne nur fakuloj-filologoj, sed ankaŭ multaj esperantistoj, kiel « kunlaboraj membroj », kiuj havas intereson pri iu el la disciplinoj de la filologio : lingvoscienco, literaturo, etnografio, folkloro, leksikologio kaj ankaŭ Esperantologio.

Inter la jam pritraktitaj temoj, ni citos : enhavo de la aperintaj kajeroj de la revuo : « Esperantologio » ; prononcado de la Esperanto fonemoj ; transitiva aŭ ne ? ; neologismo en E. ; ĉu E. estas aglutina lingvo ? ; dinamiko de la vortfarado en E. ; ĉefaj ideoj en la Antaŭparolo al la Fundamento de Esperanto ; fonetiko de E. ktp.

La legantoj de F.E. kiuj ŝatos aniĝi bonvolu sendi sian modestan kotizon (1/10 de la jara kotizo de MA de U.E.A. tio estas nuntempe 2 frj 80) al Ribot Marmande C.C.P. 697-95 Toulouse, kiu plusendos al la bulgaraj gvidantoj de la Asocio. Eblas pagi la kotizon por pluraj jaroj.

« *Sveda Instituto* » — organo por kulturaj interrilatoj kun eksterlando — eldonas specialan Informilon, nomita « Ĝeneralaj Informoj pri Svedujo ». La publikaĵo nun aperas en diversaj lingvoj, interalie en la franca.

Skribu en Esperanto al Sveda Instituto, Poŝtfako 3306, Stockholm 3, Svedujo, petante la informilon en via hejma aŭ alia lingvo. Samtempe petu, ke Sveda Instituto eldonu siajn periodaĵojn en Esperanto por ke viaj geamikoj en la mondo havu eblecon informiĝi. Instigu per via poŝtkarto aŭ letereto Svedan Instituton ankaŭ uzi Esperanton en sia agado.

## ★ TURISMAJ VIZITOJ

ĈIULUNDE, interkonatiĝos aŭ sin revidos la gesamideanoj el ĉiuj landoj, en la historioplena loko, ĉarma PLACE DES VOSGES (vidu : Tra Paris, paĝo 58) ekde la 21 horo (antaŭe, laŭplaĉe, oni povas manĝeti.

N° 19, place des Vosges, Paris-4e
ĉe « Ma Bourgogne »

9 autobusaj linioj.

4 metrostacioj : Saint-Paul, Bastille, Chemin-Vert, Sully-Morland.

15 minutoj el Concorde, nord, orienta stacidomoj.

10 minutoj el Lyon, Austerlitz stacidomoj...

Laŭokaze vizito de la lumigitaj nobeldomoj, monumentoj...

# Recenzoj

## KATALOGO DE ELEKTITAJ LIBROJ EN ESPERANTO

65 paĝoj. Eld. U.E.A. — Mendebla ĉe U.F.E., 34, rue Chabrol, Paris 10e ; prezo : 2 frankojn.

U.E.A. ĵus eldonis katalogon, kie estas enlistigitaj la ĉefaj esperantaj verkaĵoj nun aĉeteblaj. Ĝi prezentas pli da 200 titoloj : lernolibroj, vortaroj, beletraĵoj, religiaj kaj sciencaj verkoj, turismaj gvidlibroj, libroj por infanoj, elektitaj periodaĵoj ktp. Ĝi ankaŭ enhavas multajn reklamojn de la ĉefaj esperantaj eldonejoj kaj donas la kondiĉojn de vendado kaj pago de ĉi tiuj libroj. Tiu libreto de U.E.A. estas utila al ĉiuj, kiuj interesiĝas al la literatura flanko de nia movado..

F. LEGREE.

## INTER DU MONDEPOKOJ

de Martinus — Trad. H. Schleicher, Eld. Martinus Instituto bind. tre bele prezentita ; 105 paĝoj ; prezo : 6 fr. 50

Martinus, kiel ĉiuj religiemaj pensuloj, maltrankviliĝas pro la mizera sorto de la homaro. En sia ĉefverko « La libro de la vivo », Martinus provas logike klarigi sian propran koncepton pri la homa vivo. Kiel kristano, li elmontras, ke la tera vivo de la homo estas efemera, ke la absoluta morto ne ekzistas, sed li malproksimiĝas for de la kristana mondbildo ĉar li konsideras, ke la senvivaj estuloj, kiuj plenigas la kosman mondon iafoje reenkarniĝas kaj revenas sur la teron. Li do konstruis moralon, vivregularon por plibonigi la homajn estulojn dum iliaj novaj restadoj sur la tero. « Inter du mondepokoj » pritraktas la nuntempan transiran situacion de la homaro inter primitiveco kaj perfekta estonta vivoformo. La esperanta traduko de Ib Schleicher, kiel tiu de la antaŭaj libroj de tiu serio, estas tre bona, sed la klarigoj de la aŭtoro ne ĉiam estas klaraj !

F. LEGREE.

Ĵus aperis, en poŝformato presita,
Germana-Esperanta — Esperanta-Germana

## FERVOJA TERMINARETO

de Gernot Ritterspach, eldonita de Germana Esperanta Fervojista Asocio. 80 paĝoj 11,6 × 16,2 cm. ; ĉ. 2000 terminoj ; prezo : DM 6,50 plus afranko. Adreso : Elisabeth Ritterspach, Berliner Alle 1, D-607 Langen, Germanio.

La Fervoja Terminareto, kiu enhavas ĉ. 2000 terminojn el ĉiuj branĉoj de la fervoja fako, estas destinita ne nur por inĝenieroj aŭ administraj fakuloj, sed ankaŭ por ĉiu simpla manovristo, konduktoro au giĉetisto ; tial ĝi estas aranĝita por kiel eble plej **simpla uzado.** Kolora kartonfolio okulfrape apartigas la unuan parton « Germana-Esperanta » de la dua parto « Esperanta-Germana » ; dupaĝa **glosaro** je la fino registras ses kompletigajn difinojn al vortoj el la Plena Vortaro, kaj difinas 27 neologismojn, el kiuj tamen nur ses estas veraj neologismoj fervojfakaj, la ceteraj jam troviĝas en aliaj vortaroj.

Por certigi kiel eble plej altan gradon de senriproĉeco, ĉiuj anoj de la Terminara Komisiono estis alvokitaj al kritiko laŭfaka kaj laŭlingva, sed krom tio okazis ĝisfunda **revizio** de la tuta manuskripto fare de du vere spertaj, eminentaj vortaristoj, nome la Direktoro de la Akademia Sekcio por Teknikaj Vortaroj kaj Gvidanto de la Terminologia Centro de I.S.A.E., dipl. inĝ. Rudolf Haferkorn, Germanio ; kaj la komisiito de la Terminologia Centro de I.S.A.E. por la eldonota Maŝinfaka Terminaro kaj aŭtoro de la Teknika Terminaro pri Ŝoseoj kaj Pontoj, inĝenioro Auguste Broise, Francio.

## NOS PREMIERS PAS EN ESPERANTO

Dank'al la eldonejo Editions Françaises d'Espéranto, de nia amiko Ribot, la esperantistaro jam disponas pri novaj aŭ reeldonitaj libroj ofte ege utilaj. Mi deziras ĉi tie mallonge altiri la atenton de la esperanto-kluboj pri la 36-paĝa broŝuro « Nos Premiers pas en Esperanto », eldonita kun korespondanta plasta disko kaj, ĝuste pro tio, la iniciativo de la eldonisto estas aparte salutinda ĉar ni tiel nun disponas pri interesa kaj moderna propagandilo.

Sur du paĝoj, la leganto unue havas koncizajn informojn pri la disvastigo de Esperanto ; du aliaj paĝoj dediĉitaj al la prononco de la lingvo sekvas.

Poste, en 34 paragrafoj, s-ro Ribot lerte resumas la esencon de la gramatiko kaj de la formado de la vortoj. Ĉiu paragrafo entenas frazon en esperanto, poste komentitan. Ni aldonu, ke plaĉaj desegnoj de L. Poueymarie ilustras la donitajn ekzemplojn. Fine, sur du paĝoj estas listigitaj la vortaj finaĵoj kaj la afiksoj.

La disketo ebligas aŭskulti ĉiujn frazojn en esperanto ; pro verŝajne la malgrandeco de la disketo, la ritmo de la legado estas iom tro rapida por la oreloj de neesperantistoj. En tiaj kazoj, oni povus registri nur parton de la teksto sed legi malrapide.

Ankaŭ por mia gusto, pluraj frazoj aspektas iom komplikaj en tia broŝuro, sed verŝajne, la neceso klarigi la gramatikaĵojn kulpas ?

Tamen, mia plej serioza kritiko temos — pro la antaŭvidata uzado pri kiu mi skribos sube — la fakton ke la disketoj estas liveratаj al la kluboj sen specialaj kovertoj por resendo al la interesemuloj.

1 ekz. 2.50 — 10 ekz. 20.00 — 100 ekz. 170.00
5 ekz. 11.00 — 50 ekz. 90.00 — 500 ekz. 750.00

## KIEL LA KLUBOJ POVAS UZI TIUN NOVAN PROPAGANDILON (... KAJ ALIAJN)

Por propagandi kaj informi pri la internacia lingvo, la francaj esperantistoj nun havas minimuman sed jam konvenan « armilaron ». Krom tiuj broŝuro-disko, ni citu : la novan kvarpaĝan flugfolion de U.F.E. kaj la trimonatan « Bulletin d'Informations » nun redaktatan de s-ro Bourdeaux kaj kiu meritas ampleksan disvastigon. Al ili, ni aldonu la « gramatikan » folion.

Parenteze kaj konklude, mi permesas al mi indiki al la esperanto-societoj, ke en Angers ekz. ni ĝenerale enmetas en niaj ĵurnaloj artikolojn, paragrafon por anonci, ke kontraŭ poŝtmarko, ni sendos propagandilojn, kaj post ricevo de 3 fr. 90 en poŝtmarkoj « un petit manuel d'initiation avec un disque souple de prononciation correspondant... » Temas kompreneble pri la broŝuro-disko de s-ro Ribot, kiujn ni sendas en aparte fermita granda koverto.

Al la sendaĵo ni ankaŭ aldonas suplemente al la diversaj propagandiloj supre indikitaj, flugfolion de nia klubo, programon de la restadoj en Gresillon, folion pri la perkoresponda kurso, turisman faldolion en esperanto kaj multobligitan prezaron de la lernolibroj, vortaroj, diskoj ktp.

A. FRANGEUL.

## FEUILLES DOCUMENTAIRES

Au cours de votre action d'information, vous aimeriez pouvoir envoyer à une personne déterminée la Résolution de l'UNESCO, à une autre les divers sujets traités pendant les sessions de l'Université Internationale d'Eté, à une troisième l'état des écoles où l'Espéranto est enseigné... Mais ou trouver ces documents divers au moment précis où vous en avez besoin ? Et puis, vous n'avez pas le temps de taper tout cela à la machine...

Aussi, ayez toujours chez vous quelques exemplaires de Feuilles Documentaires dont vous trouverez ci-dessous les titres. Elles vous aideront utilement dans votre travail d'information et vous feront économiser un temps précieux. Elles sont ronétotypées sur papier couleur format 21 × 27.

Pour mettre cette documentation à la portée du plus grand nombre de personnes, le prix de chaque feuille a été fixé à CINQ CENTIMES. A partir de 25 feuilles d'un seul ou de plusieurs numéros, le port est gratuit. Au-dessous de 25 feuilles, ajouter le port : 0,20 jusqu'à 12 feuilles, 0,30 de 13 à 24 feuilles.

Pour faciliter les comptes, seules seront servies les commandes accompagnés du montant correspondant, adressées aux Editions Françaises d'Espéranto. C.C.P. 30-900 Bordeaux.

**Titres disponibles :**

1 — Résolution de l'UNESCO.
2 — Recommandation de l'Académie des Sciences.
3 — Littérature Espéranto.
4 — L'Espéranto dans l'Enseignement en 1965.
5 — Points de vue catholiques sur l'Espéranto.
6 — Sujets traités dans les Universités Internationales d'Eté.
7 — Précision de l'Espéranto (exemples concrets).
8 — Vœux des congrès nationaux d'instituteurs.
9 — Valeur pédagogique de l'espéranto.
10 — Le latin ne peut plus être la langue internationale.
11 — Congrès Universels d'Espéranto.

